# Heleco

Presorgano de Astura Esperanto Asocio

Numero 65. Marto - Junio 1989



ADRESO DE A.E.A

Strato Begoña, 25
33206 - GIJON
Telefon-numero, 34 19 18

. . . . . . . . . . . . . .

ENHAVO



La enhavo de la artikoloj de ĉi tiu revuo ne esprimas la oficalan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj respondecas mem ties verkintoj.
Depósito legal n-ro. 0/319/85



## Ĉu respondo?

Nun, post la ĵus okazinta "2-a Asturia Kongreso de Esperanto" kiam nia palato ankoraŭ ĝuas pro la tie gustumitaj frandaĵoj kiujn konsistigis la diversaj programeroj, ĉefe la paroladoj ĉu Esperantaj, ĉu hispanlingvaj (bedaŭrinde el la unuaj ni ne multe ĝuis) nun, mi ripetas, per tiu sukcesa, mia-opinie, Kongreso, mi ricevis respondon al la demando kiun mi antaŭ nia legantaro starigis en nia antaŭa numero de HELECO, nome: Kien iras Esperanto?. Bone, ja ne temas pri definitiva respondo, sed pli bone, pri kvazaŭa respondo, ĉar per tiu, mi ripetas, sukcesinta Kongreso, per ties disvolviĝo ktp., ktp. ni povis konstati, ke nedudeble, Esperanto "Rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante iras la vojon celitan..." Do, karaj gelegantoj, miaopinie, mi tute ne pravis kiam mi iom tro pesimisme konsideris la vivadon kaj disvolvoĝon de nia Internacia Lingvo ESPERANTO. Ĉu la gesamideanoj kiuj havis la bonŝancon tian Kongreson ĉeesti samopinias? Mi esperas, ke la koncerna respondo estu jesa.

En la interno de tiu ĉi numero, kiun nun vi tenas en viaj manoj vi legos iom pli detale pri tiu menciita "2-a Asturia Esperanto Kongreso".

Ĝuu tiun raporton kaj per ĝi fortikigu vian fidon al la triumfo de Esperanto, en nia DUA JARCENTO, sur kies vojo ni iras. Tiel estu!

A d o n i s

# Nia Anteno

Hodiaŭ ni devas, kiel eble plej ampleks-detale, raporti pri la, niaopinie, grava kaj elstara evento kiun konsistiĝis la en Aviles, en la tagoj 22-a/23-a, okazinta brila 2-a Asturia Kongreso de Esperanto, kiu sukcese disvolviĝis laŭ la antaŭvidita programo kaj organizita de samideano Nicolás Muñiz kun la grava helpo de Maria Luisa, lia edzino, kaj de iuj membroj de la Grupo "ANTAUEN".
Bone, kiel dirite, ni klopodos raporti pri tiu grava okazaĵo:




*Sabaton la 22-an*
Je la 11-a horo okazas la Solena Malfermo de la Kongreso per enkondukaj vortoj de S-ro. Muñiz kiu bondeziras fruktodonan ĉeeston al la gepartoprenantaro; poste li cedas la vicon al S-ro. Santiago Mulas Gallego, Prezidanto de Asturia Esperanto Asocio, kiu al la ĉeestantaro eksponas la ideon fondi la "Asocio de Amikoj de Orienta Atlantiko"-n, kies celoj kaj kondiĉoj ni jam publikigis en la numero 63-a de HELECO. Pri ĉi tiu afero S-ro. Adúriz, el Santander, esprimas malkonsenton, ĉar li opinias, ke jam ekzistas sufiĉe da Asocioj kaj tamen malmulte da informado pri Esp-Movado en tiaj Asocioj. Pri ĉi tia afero okazas vigla kaj entuziasma kolovko.



Je la 12,30 horo okazas la oficiala akcepto de la gekongresanoj fare de lia urbestra moŝto en la urbodomo, kie S-ro. Nicolás Muñiz profitas por simbole donaci, por la koncerna kultura fako, la librojn de li gajnitaj en la TVE-Konkurso "3x4" kaj kiujn la urbestro plezure kaj entuziasme akceptas kaj dankas.
Post mallonga interparolado kaj kun la urbestraro kaj kun la ĵurnalistoj la gekongresanoj ricevis inviton

trinki aperitivon kun almanĝetoj en famkonata urba restoracio kaj tie la afabla urbestro promesis nomi Esperanto unu el la stratoj de la urbo.
Je la 16,30 horo okazas parolado far de S-ino Maria Rafaela Urueña, en hispana lingvo, pri "Esperanto kaj Internaciaj rilatoj", ŝi lerte kaj elokvente eksponis la lingvajn internaciajn problemojn kun ideoj eltiritaj el ŝia eldonita broŝur-libreto pri ĉi tiu temo.
Je la 19-a horo la gekongresanoj promenadas tra la allogaj pitoreskaj stratoj de la urbeto ĉefe vizitante la t.n."vojo de l'vino".



*Dimanĉon la 23-an*
Je la 12-a horo okazas artaĵo far la Ĥoro de CENTRO ASTURIANO, kiu la multenombran ĉeestantaron plezurigis per arta kantado de diversaj asturiaj kantoj, nome: "Como la flor", "Chalaneru", "Caminito de Avilés", "Eres como la nieve", "Añada", "En toda la quintana", "Cuatro pañuelinos tengo", "El Baile", "A mi me gusta la gaita", kaj tuton tiu citita koruso majstre kronis per la himno "Asturias, patria querida". La gekongresanoj la Ĥoron premiis per forta kaj daŭra aplaŭdado.
Poste okazas disdonado de insignoj kaj libroj al la novbakitaj geesperantistoj de la lastaj Esp-kursoj. Kaj S-ro. Nicolás Muñiz donas al la Direktorino de la Politeknika Gimnazio "Juan Antonio Suances" kaj al ties lernestro po unu libron de la verko "Unu Mondo, Unu Lingvo" en fotokopiaĵoj.
Poste geinfanoj legas por-infanajn libretojn: "Neĝa infano"-n, "Petolema Kaprido"-n kaj "Kie estas la Kato"-n.
Sekve kaj hispanlingve, krom Esperante, legas S-ro. Santiago Mulas raporteton de li verkita kaj publikigita en la numero "0" de la bulteno "Antaŭen", pri la Esp-Movado ĝenerale en la urbeto Avilés ekde ĝia ekapero en tiu loko en la jaro 1934, proksimume.
Ankaŭ S-ro. Nicolás informas pri la promeso farita de iu el la lokaj Bankoj subvencii la eldonadon de la verko "Astura Kanzonaro", kompilita de nia Astura Esperanto-Asocio, kiun ni jam eldonis tre modeste per fotokopiaĵoj.
Je la 14,30 horo kaj en famkonata restoracio okazas bankedo, tre bongusta kiu disvolviĝas en etoso interfrata kaj bonhumora, kun la kutimaj ŝercoj, kantoj ktp. ktp. Kaj, por fini, la koncernaj tostoj kun komuna ĝis-adiaŭo ĝis la venonta jaro, kiam, laŭ propono de S-ro. Santiago Mulas, okazos en Gijón la 3-a Asturia Esp-Kongreso, por kies organizado ni kalkulas je ĉies helpo.

REZOLUCIOJ DE LA 2-A ASTURIA KONGRESO DE ESPERANTO

1. Peti de la Hispana Registaro, ke okaze de ĝia Prezidanteco en la Komuna Eŭropa Merkato, Hispanio proponu Esperanton kiel helplingvon por la rilatoj inter la landoj de tiu Komunumo.
2. Proponi Esperanton kiel parto de la lecionaro en la Baza Generala Instruado.
3. Apogante la proponon de la Grupo "Antaŭen" por ke oni aljuĝu la Premion de la Konkordo "Princo de Asturio" al Esperanto, insisti per petskriboj al diversaj urbestraroj por ke ili, siavice, esprimu sian apogon al tiu ĉi peto.
4. Krei oportunan komisionon por iniciati la efektivigon de la propono pri ADLOE (Amikoj de la Orienta Atlantiko)
5. Sendi leterojn al la Moŝtoj Federico Mayor Zaragoza kaj Fernando Morán, al ili komunikante la rezoluciojn de la Kongreso.

Do, karaj gelegantoj kaj gesamideanoj, ni atendas viajn kontribuojn kaj helpojn por la efektivigo de la 3-a Asturia Esperanto Kongreso, pri kies realigo ni respondecas.

# Niaj Geamikoj el...

# ...Bulgario

## LA FONTANOJ, LA MALNOVAJ FONTANOJ

Baza kondiĉo de la ekzisto de la homoj, de ĉiuj vegetaj kaj bestaj specioj estas la akvo. La vivo komenciĝis de la akvo! Dum jarcentoj, antaŭ la nova erao oni adoris kaj gloregis la akvon, kredis je dioj de la akvo. La antikvaj popoloj konsciis la problemon de la konservado de tiu natura riĉeco, de kiu dependas la vivnivelo, la sanstato. En la historio de ĉiu generacio ĉeestas la kreado de hidroteknikaj konstruaĵoj. Tra nia bulgara tero restis ankaŭ multaj postsignoj de konstruoj, ligitaj kun la uzado kaj utiligado de la akvo. La bulgaroj estimis ĝin!. Riĉa estas nia lingvo en la nomado de la nocio "akvofonto". Oni uzas la vorton *ĉeŝma* kun la epitetoj "bunta", "mirinda", "nova", "blankŝtona", "blanka" k.a. La fontoj estas priskribitaj en popolaj kantoj, fabeloj, legendoj.
En sia konstruoevoluo la fontanoj pasis jenajn tipojn:

1. Libere starantaj – kun aŭ sen tegmentoj
2. Fontanoj – pavilonoj
3. Murfontanoj



Al la unua tipo apartenas kortaj fontanoj: blankaj, bokalsimilaj siluetoj el marmoro. Iliaj antaŭmuroj estas ornamitaj per elĉizitaj figuroj, medalionoj, florantaj branĉoj, vinberaj grapoloj, folioj. Tre ofte la tegmentoj estas multangulaj.
La fontanoj -pavilonoj estas belega prezento de la fontanoj kiel arkitektura konstruaĵo. Mirindaj ekzemploj estas la t.n."Ajazmonto" (ĉe la preĝejo Beljova-Samokov), la fontano en la korto de la episkopa preĝejo en Samokov, la t.n. "Sasakova fontano" en la urbo Elena, k.a. Ili ĉiuj estas formitaj, kiel laŭboj kun multangulaj fundamentoj kaj lignaj tegmentoj sur maldikaj graciaj kolonoj, kun elstarantaj tegmentvizieroj. La proporcioj kaj la harmonio inter la apartaj konstruaj detaloj estas interesa arta fakto-pruvo de la konstruaj eblecoj kaj kapableco de la bulgaraj majstroj. Valoraj monumentoj el tiu grupo, faritaj el ŝtono, troviĝas en la kortoj de la monaĥejoj Lopuŝanski, Sokolski, Strupecki, kvar- aŭ mult-angulaj konstruaĵoj kun ŝirmtegmentoj.
Pli multenombraj estas la murfontanoj libere starantaj aŭ konstruitaj rekte ĉe la muro de horloĝturoj, preĝejoj, domoj. Ĉiam riĉe ornamitaj kun stiligitaj birdoj, bestoj aŭ homaj figuroj, ornamentoj de folioj, floroj aŭ memportreto de la respektiva majstro-aŭtoro. Oni povas vidi tiujn fontanojn en multaj urboj kaj vilaĝoj.
Ĉe la fontanoj de la 18-a kaj 19-a jarcentoj estas realigita kaj klare prezentita unika sintezo inter arkitekturo kaj



Kiam vi estos lacaj pro la laborado, la klara balkania akvo ŝprucanta el la oldaj fontanoj malvarmigos kaj refresigos vin.

plastika dekoracia arto. Ili respegulas la memcertecon de la bulgaroj dum tiu epoko, ilian strebon al unu nova arto, plena je fantazio kaj beleco!...
Kio estas pli viva en tiu mondo ol la eterne fluanta akvo?!... Kaptita de la riveretoj, pura kaj klara ĝi ŝprucas el la fontantuboj, lignaj aŭ metalaj. Ĝi murmuras, klukklakas!... Fariĝas gaje al la animo!
Dekoj da akvofontanoj apud ŝoseoj, montaraj vojetoj aŭ meze

de vilaĝaj placoj. Nek unu similas la alian. Mirinda varieco de formoj kaj krea uzado de konstrumaterialoj: diverskolora ŝtono, ligno, metalo. Malfacile oni povas imagi tiun belecon sen vidi ĝin. Ne eblas rezisti la tenton gluti ĝis satiĝo malvarman kaj bongustan akvon!
Dankemaj estas ne nur la homoj, sed ankaŭ la birdoj, bestoj, eĉ la naturo mem, ĉar sekaj, dezertaj lokoj vestas sin per verdaj vestoj, transformiĝas en regionojn revivigitaj de birdokantoj kaj ĝaja homa parolbruo.
Laŭ malnova bulgara kutimo, intima esprimo de donacemo estas la konstruo de akvofontanoj por ke la homoj memoru la donacinton kaj benu lin post estingado de sia soifo. Modesta donaco por la homoj de iu loĝloko, por ilia bono kaj prospero, kun elĉizita dediĉo el la majstro. Mallonga priskribo de la vilaĝa historio aŭ verso en la spirito de la popola verkaro, sen rimoj, sed sonanta profunde, kiel konfeso!... La pasinteco estas revivigita! Ĉe la fontanoj ariĝas virinoj kaj junulinoj por ĉerpi freŝan trinkakvon. Venas junuloj por elekti siajn estontajn edzinojn. Apud la fontano komencas vigla, ĝaja rondodanco!...
Gloro al la majstroj de la fontanoj! Homoj amindaj, saĝaj, kun riĉa animo kaj okuloj de birdo. Kiam ni klinas por kisi la akvon kaj trinki el ĝi, ni kisas la nevideblan majstran manon! La majstro sciis kio kaj kia estas la akvo, kia estas la vivo. Li komencas la konstruon de fontano kaj kantas kanton:

Kie gutis la larmoj
tie fonto ekfluos!...

Oni ne povas haltigi tion, kio fluas!. Nek la vivon, nek la akvon! La majstro, kun sento de plenumata devo, donas al ili la direkton kaj liberan vojon. Li scias ke benos lin la generacioj! Matene kaj vespere la vojetoj iras al la fontoj! Iras homoj, birdoj, bestoj! Ĉio estas verda, paradiza! Animo animon serĉas, fonto koron volas!...
Ni klinu antaŭ la majstro-saĝulo! Li donis forton kaj voĉon al la kantanta eterneco, voĉon al sia koro!
La fontanoj! La malnovaj fontanoj! Fluu! Kantu birdoj apud ili! Venu kapreoloj kaj cervoj! Ludu infanoj! Batu homaj koroj!

Lilija Koleva
Sofio, 11-a de januaro 1989

## NE FORGESU MIN (Legendo)

Antaŭ multaj jaroj estis gejunuloj Jogli kaj Akdar. Ili unu la alian amegis. Forta kaj admirinda estis ilia amo. Iun fojon ili faris promenadon apud alta roko. Agrabla silento estis ĉirkaŭ ili. Estis kvieta tago. Birdoj kantis kaj ili aŭdis nur la murmuradon de petolema rivereto.
Ĉirkaŭprenante sian amatinon Jogli karesis ŝiajn orblondajn buklojn kaj kisis ŝiajn bluajn okulojn, kiuj estis bluaj, kiel la ĉielo; brilantaj, kiel steloj kaj varmaj, kiel sunradioj. Hazarde rigardante supren, la junulo rimarkis, alte sur la roko, belan bluan floreton, kies nomon li ne sciis. Li decidis deŝiri la floreton kaj doni ĝin al sia amatino.
- Mi iros preni la floreton kaj donacos ĝin al vi - diris Jogli.
- Ne faru tion; estas danĝere - respondis Akdar.
Sed li jam ekgrimpis la rokon kaj fine atingis la floreton, deŝiris ĝin kaj ĝin montris al ŝi dirante:
Ĝi estas nur por vi, ĉar nur viaj okuloj estas tiel bluaj, kiel ĝi. En la sama momento li glitfalis dirante: Ne forgesu min!.
Ankoraŭ flustrante tiujn vortojn, li mortis.
La malesperigita knabino trovis fortojn kaj grimpis supren sur la rokon. Ŝi deŝiris alian bluan floreton, enmetis ĝin en sian sinon, apud la koro, kaj ĵetis sin de la alta roko malsupren, dum siaj lipoj flustris:
- Mi ne forgesos vin; mi venos ĉe vi!
La eĥo ripetis, ripetis pli forte ŝiaj vortojn, kaj per la morto Akdar iris al sia amata Jogli.
Kun la malapero de la dronanta suno, dronis ankaŭ du enamiĝintaj koroj.
Tie, kie falis la klaraj larmoj de Akdar, en la sama momento elkreskis blankaj sonoriletoj. Oni nomis ilin "Konvaloj".
La bluan nekonatan floron, kiun deŝiris Jogli kaj enmane tenis, oni nomis "Ne forgesu min".

El la bulgara, Elena Kovaĉeva.

# ...Nederlando

El letero de samideanino Elisabeth Vuurmans

...Koncerne la artikolon *Kien iras Esperanto?* mi ne estas tiom pesimisma! Male. Multege okazas por kaj en Esperanto, ĉie en la mondo. Ekzemple, dum la U.K. en Brajtono estos priparolata projekto, kiun oni prezentis en kunveno Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) en la U.K. en Roterdamo.
En tiu projekto oni montras la rolon, kiu Esperanto povas ludi en la Eŭropa Komunumo. Mi jam havas la tutan propon-planon, kaj ĝi estas tre interesa!. Ĝi i.a. enhavas eksperimenton, kiu povus esti decida por la sukceso de la projekto. Temas pri 4 ĝis 6 jaroj daŭra eksperimento kun lernantoj de 10 ĝis 12 jaroj ĉiu el la 12 landoj de E.K. Unu klaso unue lernas Esperanton dum unu jaro, antaŭ lerni fremdajn lingvojn, kaj alia klaso tuj komencas lerni la fremdajn lingvojn. La rezultoj devas esti montrataj ankaŭ el T.V.-elsendoj. Ĉi tio estas nur unu el la diversaj proponoj kaj cetere tre koncize. Sed se oni sukcesus konvinki la E.K.-komisionon lanĉi Esperanton kiel unu el la du fremdaj lingvoj, kiujn oni lernu, ĉi tiu povus konduki al la venko por nia lingvo!

# Diversaĵoj

Ĉi tiu numero de nia revuo, kompreneble, tre pritraktas la 2-an Asturan Kongreson de Esperanto okazinta en la urbo Avilés la 22-a al 23-a de aprilo. Al ĉiu esperantist(in)o ĉiam rezultas agrablaj tiaj renkontiĝoj kun gesamideanoj de aliaj lokoj. Tiurilate nia renkontiĝo de Avilés sendube estis sukcesa ĉar regis en ĝi tiu amikeca etoso inter la partoprenantoj. Tamen nia E-movado ne estas celo per ĝi mem; ĝi estas ilo orientita al la plenumo de iu rolo favore al la disvastiĝo de la Internacia Lingvo. Do, la sukceso de ĉiuj niaj kunvenoj devas esti mezurita laŭ la grado de nia efiko en la celita tasko. Estas de tiu vidpunkto de kiu ni devas pritaksi ĉu la du ĝis nun okazintaj E-kongresoj de nia regiono estis sukcesaj kaj fruktodonaj. Pri la enhavo de la kunsidoj kaj debatoj de la kongreso de Avilés sufiĉe raportas aliaj artikoloj de ĉi tiu eldonaĵo. Mi deziras atentigi pri alia flanko de la afero, aŭ pli ĝuste, mi pririgardas la aferon iom flanke kaj eĉ perspektive.

Laŭ mia opinio, la plej interesa fakto de la du E-kongresoj de Asturio estis, precize, la fakto ke tiuj kongresoj okazis. Kvankam, kaj kiel dirite, la E-Movado kun ties renkontiĝoj ne estas celo per ĝi mem, la fakto ke okazis tiuj regionaj kongresoj de Asturio estas signo de la reviviĝo de la E-Movado en nia regiono. Rimarkinde estas tio ke ambaŭ kongresoj okazis, pro la iniciato de lokaj geesperantistoj, en urboj kiel Pravia kaj Avilés kie ekzistis neniu esperantista tradicio kaj kie antaŭ malmultaj jaroj estis neniu vivosigno de nia Zamenhofa afero. En la disvastiĝo de Esperanto en Avilés iom intervenis nia E-grupo de Gijón. Nia Prezidanto S.Mulas gvidis, kaj daŭre gvidas nuntempe, E-kursojn en Avilés. Sed la kazo de Pravia estis eĉ pli miriga. Tie subite ekestis, pro la aktivado de tiea entuziasmulo, vigla rondo de junaj geesperantistoj. Ili estis la pioniroj de la organizado de regionaj E-kongresoj en Asturio, kies trian okazadon ni planas por nia urbo.

Kiam post unu aŭ du jaroj okazos en Gijón la 3-a Astura E-Kongreso, la bildo de la organiza E-grupo estos tute alia. Ĉi tie la Internacia Lingvo havas profundajn radikojn. Post malmultaj jaroj ni festos la centjaran jubileon de la komenco de la Esperantista Movado en Gijón. Sed ni devas rimarkigi ke ĉi tie la movado stagniĝis de antaŭ longe. Ne mankas inter ni la gejunuloj, feliĉe, sed oni devas ĝuste konstati ke estas sufiĉe alta la meza aĝo de nia membraro, kaj krome ne abundas la aktivuloj inter la membroj de nia E-grupo. Post la okazado de la kongreso de Gijón staros antaŭ ni la demando: Kaj kio ekde nun?. Ne restas en nia regiono aliaj lokoj kie organizitaj geesperantistoj povu okazigi sekvajn kunvenojn. Niaj plej gravaj taskoj por la venontaj jaroj estos la pliviĝligo de la ĝijona E-organizaĵo kaj la kreado de novaj E-rondoj en aliaj zonoj de Asturio.

La 3-a Kongreso de Esperanto de Asturio estos sukcesa nur se kadre de ĝi ni kapablos formuli realigeblajn planojn por la entreprenado de tiuj taskoj.

--- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o ---

Kelkfoje en nia revuo, sub la epigrafo *La verda komisarejo*, oni atentigis pri Esperanto-eraroj en tia aŭ tia publikigaĵo. Kiel sciate, sama kontrolo estas farita en multaj aliaj gazetoj de nia E-Movado. Niakaze la kontrolo ne estas konstanta kaj ankaŭ ne ampleksas multajn el la esperantlingvaj eldonitaĵojn.

Pli akuratan esploradon ni dediĉas al la materialoj publikigotaj en HELECO, tamen eĉ tiurilate foje okazas misfunkciado de nia kontrolo kaj tial enŝoviĝas en la paĝoj de nia bulteno gramatikaj kaj sintaksaj eraroj kiuj postulas oportunan rimarkigon. Nia amikino Ada Fighiera-Sikorska volis plenumi tiun lingvo-zorgan taskon rilate al la enhavo de la antaŭlasta numero de HELECO. El ŝi ni ricevis karton kiu tekstas jene:

*Karaj geamikoj,*
*Jus mi ricevis vian "Helecon" kaj, kvankam mi ne estas "verda komisaro", frapis ĉe p. 2*
*1) ... mi aĉetis... la precizajn biletojn*
*2) daŭrigante ----> daŭrante*
*3) finigon ----> finon*
*4) io mankas: ...inter ĉiuj ni povas fari (?) NIAN faman centron.*
*Mi ridetis, ĉu vi ne? Kun amikaj salutoj.*

Ni dankas al tiu amikino pro ŝia afabla, krom bonhumora, skribaĵo. Ĉi tiu ĝojigis nin ĉar atestas pri tio ke oni legas nian revueton. Al niaj gelegantoj ni promesas ke ni estos pli atentemaj pri la ekzakteco de la publikigotaj tekstoj.

--- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o ---

Dum ĉi-tiuj semajnoj, kiam ni preparas ĉi tiun numeron de la revuo, estas preta komenciĝi la balotkampanjo por la voĉdonado de la Eŭropa Parlamento okazonta la 15-a de junio. En ĉiuj landoj de la t.n. Eŭropa Ekonomia Komunumo okazos tiam la elektado de la koncernaj parlamentanoj. Kiel sciate, nun nia lando plene apartenas al tiu Eŭropa Komunumo kaj ankaŭ ĉi tie okazos tiu balot-procezo. La diversaj kandidataroj estas pretaj de antaŭ unu monato kaj kiam niaj gelegantoj ricevos ĉi-tiun revuo-numeron ni estos jam plenenmetitaj en la speciala etoso de la propagand-kampanjo de la aspirantoj al la parlamento. En nia lando, samkiel en multaj aliaj lokoj, la kandidataroj estas esprimo de la politikaj projektoj de partioj kaj organizaĵoj kiuj sin difinas rilate al la interesoj de la sociaj klasoj kaj sociaj grupoj. Sed estas ankaŭ partioj kaj kandidataroj kies baza programo ignoras la klasajn interesojn kaj fiksas sian atenton en temoj, pli malpli gravaj, de ĝenerala intereso. Ekzemple, en Hispanio kaj en aliaj eŭropaj landoj konkuras en ĉi tiu balotprocezo pluraj organizaĵoj de ekologiistoj, ankaŭ nomataj verduloj, kiuj respegulas la zorgon de ampleksaj amasoj de nia socio pri la ekologiaj problemoj. En pli malpli granda grado, ĉiuj ni havas difinitan ideon pri la politika forto kiu plej bone respegulas niajn sentojn kaj niajn emojn. Ĉiu eŭropan(in)o havas sian propran bildon kaj planon de la Eŭropo kiun li/ŝi dezirus atingi. Ne timu la legantoj, mi ne intencas propagandi pri iu ajn kandidataro.

Mi volas pritaksi la progres-eblecon, la disvastiĝ-eblecon de Esperanto en la institucioj de la Eŭropa Komunumo konkrete kaj en la eŭropa socio ĝenerale.
Antaŭ, mi devas eksponi unu konsideron, nome, ke la Eŭropa Ekonomia Komunumo celas esti pli ol nur ekonomia ento. La afero estos nek facila nek rapida, sed paŝo post paŝo Eŭropo firme antaŭeniras al ĝia politika unueco. Multaj el ni, precipe tiuj kiuj jam ne estas tro junaj, eble ne atingos travivi la kulminon de la unuiĝa procezo. Sed la evoluo de la E.E.Komunumo, ekde la subskribo de la Kontrakto de Romo, la jaro 1957, kuraĝigas min esperi ke jes; ke ĉi-foje, jes; ke finfine la unuigcelaj fortoj de Eŭropo estas plendotitaj por triumfi en tiu tereno kie iam fiaskis Karlomagno, Karolo la 5-a, Napoleon kaj Hitler. Ci-lastaj serĉantoj de Eŭropo fiaskis pro tio ke ili elektis malĝustan vojon. La feŭdismo, la rasismo kaj la imperiismo estas vojoj kiuj alkondukas nur al la milito, la detruo kaj la morto. La unueco de Eŭropo ne troviĝas sur tiu vojo. Sed la nunaj celantoj de la eŭropa unueco estas alia afero. Ĉi-foje temas pri serioza afero. Ni prikonsideru tion ke en la sino de la institucioj de la Eŭropa Komunumo pace kaj konkorde intertraktas kaj kunlaboras eŭropaj landoj kiuj interbatalis multfoje en la pasinto kaj estis malamikaj en la du grandaj militoj de la nuna jarcento. La superantoj de tiu fatalo kapablas kaj kapablos supervenki ĉiujn malfacilaĵojn. Nuntempe okazas ankaŭ gravaj paco-iniciatoj fare de aliaj eŭropaj landoj kiuj ne estas, ankoraŭ, enkadrigitaj en la Eŭropa Komunumo, sed kiuj celas saman eŭropan unuecon laŭ la sama spirito de paco, justeco kaj homa progreso.
Multaj eŭropaj ŝtatoj suferas problemojn kiuj estas rekta sekvo de la maniero laŭ kiu estis konstruitaj tiuj ŝtatoj. Ni prikonsideru, ekzemple, la problemojn de la naciismo en iuj hispanaj aŭtonomiaj regionoj. Tiuj problemoj estas nuntempaj postrestaĵoj de la formo, malĝusta kaj maljusta, laŭ kiu estis konstruita Hispanio. Oni povas diri same pri multaj aliaj landoj. Nu, en la nuna konstruado de Eŭropo oni forevitas la procedojn kiuj generis la menciitajn problemojn. Fakte, por la membroj de la subpremitaj naciecoj ene de la ŝtatoj havas pli grandan prestiĝon la institucioj de la Eŭropa Komunumo ol ties de la propra ŝtato. Iam mi legis deklaron de iu kataluna naciisto kiu diris: Katalunio devas iri al Eŭropo, ne pasante tra Madrido. En ĉi-tiu deklaro enestas malaprobo de la agmaniero kaj procedoj laŭ kiuj estis konstruita Hispanio, kaj laŭda aprobo de la agmaniero laŭ kiu oni konstruas Eŭropon.
Mi estas optimisma pri la eblecoj kaj kapabloj de tiu Eŭropo. Tiu Eŭropo kiu supervenkis la historian milito-fatalon, tiu Eŭropo kiu scias trakti pace la naciismojn kiuj estas kvazaŭ kanceroj por la ŝtatoj kiuj formiĝis milite, tiu Eŭropo, por plenumi ĝian celon de unuiĝo en la paca spirito kiu karakterigas ĝin, bezonas... la Internacian Lingvon.
La naciaj ŝtatoj kiuj subpremis aliajn naciecojn, eĉ perforte, ne bezonis Esperanton. Tiuj ŝtatoj emis trudi la propran lingvon al aliaj popoloj kun aliaj lingvoj kaj kulturoj. Sed ne estas tia la kazo de la nuna Eŭropo. Estas ne-imagebla ke oni trudu al la loĝantaro de la tuta Eŭropo, kiel oficiala lingvo, la germanan, aŭ la anglan, aŭ la hispanan, aŭ iun ajn alian. Tiaspeca miŝaĝo estus propra de la reĝoj de Kastilio, aŭ de germana aŭ franca imperiestro aŭ de faŝistaj diktatoroj, sed jam ni vidis ke tiutipaj uloj por ĉiam fiaskis en la konstruo de Eŭropo. La nuntempaj Eŭropo-konstruantoj ne trudos fremdan lingvon al la diversaj nacioj. La internaciaj rilatoj ene de la eŭropa unueco devos okazi per neŭtrala lingvo ke estante propraĵo de neniu nacio povos esti interkomunikilo de ĉiuj. Esperanto devas esti preta por tiu alta tasko, konsciante ke la triumfo en Eŭropo estos anonco de la triumfo en la tuta mondo.
Jam mi diris ke la afero estos nek facila nek rapida. La enkonduko de la I.L.Esperanto en la eŭropajn instituciojn postulos de ni, de la E-Movado, konstantan penlaboron.
Al la parlamentanoj kiuj estos elektitaj post malmultaj semajnoj, ni devos alporti la informon ke ekzistas, kaj funkcias, la lingvo-instrumento kiu igas ne-necesaj la komplikajn kaj multekostajn sistemojn de samtempa intertradukado uzataj en la Parlamento kaj en la internaciaj forumoj. Kaj al la milionoj da geeŭropanoj kiuj voĉdonos tiutage, ni devos alporti la mesaĝon ke ekzistas, kaj funkcias, la lingvo-instrumento kiu ebligas la interpopolan komunikadon sen la lingvo-altrudo de iu popolo super alia.

— o — o — o — o — o — o — o — o —

La publikigo de la numeroj de nia revueto ofte suferas ne-eviteblajn prokrastiĝojn pro iu aŭ alia kaŭzo. En la antaŭa punkto de ĉi tiu rubriko enestas la supozo ke ĉi tiu numero estos en la manoj de niaj legantoj antaŭ la okazado de la baloto por la Eŭropa Parlamento. Tamen ne okazis tiel pro diversaj kialoj, inter ili la manko de sufiĉa publikigenda materialo. Do, la semajnoj pasis kaj dum tiu tempo ĉiuj aferoj daŭre trairis sian vojon; la balotado okazis kaj ankaŭ la aktivado de nia Astura Eperanto Asocio ne haltis.
La 7-a de junio kunvenis la membraro de tiu E-asocio por entrepreni la organizadon de la 3-a Astura Kongreso de Esperanto kiu, kiel sciate, devos okazi en nia urbo, Gijon, laŭ oni anoncis dum la sesioj de la A.E.Kongreso en Aviles. Kvankam estas tro frue por la publikigo de programo, eĉ provizora, de E-renkontiĝo kiu devos okazi post unu jaro, decas ke oni pritemu la gvidliniojn kaj ĉefajn karakteraĵojn de la 3-a kongreso de la astura esperantistaro.
Unuavide estas rimarkinda tio ke ĉi tiu kongreso havos tritagan daŭron -kiel sciate, la antaŭaj du Asturaj E-Kongresoj estis dutagaj- kaj oni antaŭvidas ke ties okazado povos esti de la 28-a al la 30-a de aprilo (sabato, dimanĉo kaj lundo).
En la elektado de programeroj oni klopodis ekvilibron inter la amuzaj kaj oficialaj kongreselementoj kaj la laboresioj, kunvenoj, prelegoj... Menciindas tio ke post la Solena Malfermo de la Kongreso okazos kunveno por informado pri la aktiveco de la E-grupoj de nia regiono kaj preparado de laborplanoj por ties estonta agado. Tiutipa laborsesio ĉiam konstituas unu el la plej gravaj taskoj de la E-kongresoj, sed niakaze, konkrete por la E-grupo de Gijon kaj ĝenerale por la tuta astura E-movado, estas speciale necesa tiu planado de la farenda laboro, kaj estas tre konvena ke la diversaj E-grupoj ellaboru plano-proponojn por ties dumkongresa studado kaj diskutado.
Alia laborsesio de la kongreso, ankaŭ destinita al laboro-planado, estas la renkontiĝo de la grupoj de la Kantabra Kornico kaj ties de ADLOA (Amikoj de la Okcidenta Atlantiko) kies okazadon oni fiksis por la dua tago de la kongreso. Ankaŭ ĉi-tiu kunveno potulas antaŭe preparitan labor-projekton. Ci-kaze temas pri la organizo de la kunagado de diversaj E-grupoj kaj ofte la destino de tiu

agado ne estas la E-Movado mem sed la socio, antaŭ kiu ni deziras pruvi la taŭgecon de la Internacia Lingvo (ekezemple per la organizado de la turisma servo).
Oni planis la faradon de du prelegoj dum la kongreso kaj oni pridiskutis la eblecon ke la prelegantoj estu eksterlanda(j) aŭ eksterregiona(j), sed ankoraŭ oni ne alvenis al definitiva decido pri tiu afero. Rilate al la temoj de la prelegoj, ili povos esti elektitaj de la prelegontoj mem. Estis decidite ke almenaŭ unu el la prelegoj nepre okazu en Esperanto.
Ne-laboraj sed tamen per-Esperantaj programeroj estos la Solena Inaŭguro de la Kongreso, la sesio de salutado de la reprezentantoj de la grupoj kaj eksterlandanoj, Sankta Meso kaj la Fermo de la Kongreso kaj konkludoj.
Ne povos manki en nia E-Kongreso la festaj kaj amuzaj okazaĵoj. Krom la komunaj tagmanĝoj de la tri tagoj, oni planis ankaŭ artaĵojn, promenad-viziton tra la urbo, kulturan viziton, kaj kiel fina kunfestado de la K-partoprenantoj: Vespermanĝo laŭ asturia maniero kun prezentado de asturaj folklor-kantistoj.
La plano-faranta asembleo de la giĵona E-grupo asignis la taskojn de organizado de la diversaj programeroj al la koncernaj respondeculoj kaj fiksis la tempolimon por la plenumo de ĉies funkcio. Ke la sukceso kronu iliajn penojn kaj ke tiu planita E-Kongreso de la Asturia regiono alportu utilon por la progreso de nia esperantista afero.

--- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o --- o ---

Ĉu por- aŭ per-Esperanta laboro? Jen dilemo kiu konstante reaperas en la E-Movado kaj fariĝas, iu- aŭ ali-maniere, objekto de diskutado kaj debatado ene de niaj vicoj. En la numero 30-a de LAUTE (Januaro-Februaro de la nuna jaro) estas iu el tiuj oftaj debatoj de nia movado. Estas tre interesaj kelkaj inter la intervenoj de tiu LAUTE-debato. Same estas interesaj poziiĝoj favore al la laboro ĉu por-Esperanto ĉu per-Esperanto.
Mi intencas superrigardi la diversajn poziiĝojn por reliefigi ke, kiel multfoje okazas, la debato estas falsa ĉar, fakte, estas neniu difinita limo por la distingo inter la por-Esperanta kaj la per-Esperanta laboro.
En iu unua distingo inter ambaŭ agadoj oni klasifikas kiel por-Esperanta laboro tiun aktivadon kiu rekte utilas al la E-Movado kaj ties celo de disvastigo de la Internacia Lingvo, ekzemple, la organizado de E-renkontiĝo aŭ la gvidado de kurso de Esperanto. Laŭ tiu ĉi skemo oni devus klasifiki kiel per-Esperanta laboro la agadon de tiuj personoj kiuj aktivadas ĉe rondoj (kiel KELI, SAT, MEM, KEK, IKEL k.a.) kiuj, uzante la Internacian Lingvon kiel instrumento, havas alian specifan celon, ĉu politika, ĉu religia, pacifisma k.t.p. La distingo laŭ tiu kriterio tute ne respegulas la esencon de la realo. Fakte, tiutipaj asocioj estas la plej aktivaj manoj de la Esperantista Movado; ties membroj pli estas esperantistoj kiu laboras -favore al la E-Movado- en diversaj, specifaj frontoj ol aktivuloj de tia aŭ tia ideo ene de la esperantistaro. Kiam geesperantistoj partoprenas pac-defendan manifestacion portante afiŝojn de iliaj E-pacismaj rondoj, ili, krom poziciiĝi favore al la celo de la manifestacio -kion same estus povintaj fari sen esperantismaj signoj- propagandas favore al Esperanto ene de tiu konkreta medio de la paco-amantoj. Simile, kiam kunvenas, ekzemple, la membroj de asocio kiel IKEL (Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj), ili, krom entrepreni planojn por labori favore al ilia afero de la defendo de la subpremitaj nacimalplimultoj, tial ke ilia interkomunikado okazas per Esperanto, ilia faka strebado konstituas ankaŭ mesaĝon, adresita al la reprezentitaj de ili popoloj, laŭ kiu Esperanto, krom ilo, estas ankaŭ solvo por ilia problemaro en kiu tre pezas la lingvo-altrudo fare de aliaj nacioj. En tiu linio same por-Esperanta estas la faka agado de SAT, KELI, OOMOTO kaj ĉiuj ceteraj tiutipaj asocioj ekzistantaj en nia Movado. Ĉiukaze por la membroj de tiuj rondoj, ambaŭ celoj, Esperanto kaj ilia fak-ideo, nedisigeble konstituas unu solan kaj la saman idealon, kaj por ili estas tute ne-eble distingi inter la laboro favore al unu kaj alia.
Vere, ĉi tiuj klarigoj preskaŭ estas superfluaj ĉar nuntempe apenaŭ oni diskutas la Esperanto-favoran rolon de tiuj rondoj. Ankaŭ ne en la LAUTE-debato kiun mi menciis estas polemiko pri tiu temo. Sed oni speciale atentas en tiu debato pri alia agado-tipo, kiun klasifikas tie kiel per-Esperanta laboro. Temas pri la laboro de profesiuloj kiuj gajnas monon per kaj dank' al Esperanto: komercaj aplikoj de Esperanto, tradukado de libroj kiuj estis eldonitaj en nur etajn lingvojn, tradukado dum internaciaj konferencoj kaj kongresoj, eldonado de raportoj en ĉiuj lingvoj post tiea tradukado el aliaj lingvoj uzante Esperanton kiel pont-lingvo, kolektado de informaĵoj pere de gazetara agentejo, starigo de turismaj servoj...
Klarigendas ke ĉiuj ĉi menciitaj aplikoj de la Internacia Lingvo ne estas konkretaj realaĵoj sed -grandparto el ilinur ideoj kaj proponoj. Al tiuj oni povas aldoni la konkretajn aplikoj de Esperanto proponitaj de aliaj debato-intervenantoj: filozofiaj verkoj en Esperanto, Enciklopedia filozofia vortaro, belegaj konsultlibroj (kun ilustraĵoj) pri bestoj, floroj, peotroarto..., dikaj ĉiumonataj revuoj pri literaturo kaj historio, originalaj verkoj en Esperanto..., vojaĝ-agentejo, gazet-agentejo...
Sendube ĉiuj-ĉi laboraĵoj estas per-Esperanta agado sed estas klare ke inter ili distingeblas la laboroj kiuj produktas aĵojn kies destino estas la E-Movado (revuoj, vortaroj, literaturaj kaj historiaj libroj en E-lingvo) kaj tiuj laboroj kaj servoj destinitaj al ne-esperantista klientaro (komercaj rilatoj, tradukaĵoj k.s. fare de esperantistoj uzante Esperanton sed por ne-esperantista publiko). La unuaj estas necesaj por la uzado fare de kaj progreso de la E-Movado, kaj ene de ĉi tiu mem estas eldonejoj kaj aliaj entreprenejoj dediĉitaj al tiuj laboroj (alia afero estas ĉu ili multe pergajnas monon tiulabore). Neniu dubas ke tiu laboro, kun aŭ sen mon-gajnado, estas, krom per-Esperanta, ankaŭ por-Esperanta.
Restas nur decidi ĉu estas konvenaj por Esperanto firmaoj kiel iu pri kiu raportis al mi mia franca korespondamikino: "Interland societo" -diris ŝi- uzas Esperanton sur la ekonomia kaj komerca terenoj. Ĝi proponas al la firmaoj bonkvalitan tradukservon pere de Esperanto. Estas ĝiaj diversaj fakoj: Tradukservo, Foraj kontaktoj, Varnomoj, Komputoraĵoj... kaj baldaŭ ĝi kreos pedagogian kaj turisman servojn. Esperanto fariĝas komerca lingvo kaj poste ĝi estos ankaŭ turisma kaj kultura lingvo.
Ĉu tiu ĉi sperto ŝajnas promeso-plena? Nu, ekzistas en nia Movado poziciiĝo kontraŭ tiaj firmaoj. En la LAUTE-debato enestas intervenoj argumentante ke ne profitdona afero instigis la kreinton de Esperanto, kaj ke neniam li starigus profitdonan asocion. Surbaze de tio ke la ĉefaj fontoj de lia inspiro estis Frateco, Justeco, Libereco, Amikeco... oni postulas la ne-uzadon de Esperanto por komercaj aferoj.

Eble oni ne povas konsideri la komercan demarŝadon kiel funkcio de la E-Movado. Kun ĉi tio mi konsentas. Sed limigi la amplekson de la Esperanto-uzado barante ĝian aplikadon en tia aŭ tia kampo, ĉu komerca, ĉu turisma, ĉu diplomata, politika au iu ajn, ŝajnas al mi kontraŭstaron de la celo de de Esperanto esti utila por ĉiuj interhomaj rilatoj. Esperanto devas esti uzata en la tereno de la negocoj kaj en ĉiu alia tereno. Tiuj terenoj ne apartenas al la E-Movado, konsentite, sed tiuj terenoj ekzistas kaj Esperanto progresas ankaŭ per ĝia uzado en ili. Ni, la E-Movadanoj, devas estis sufiĉe humilaj por konscii ke ne nur dank' al nia Movada laboro venkos Esperanto. Ni ne povas koni tra kiuj vojoj atingos Esperanto ĝiajn celojn. La E-Movado estas iu el tiuj vojoj kaj ni devas agadi en ĝi laboreme kaj honeste. Sed povas ekzisti kaj sendube ekzistas aliaj vojoj kaj ni devas ne fermi ilin. Ni ne estas gvardistoj nek kontrolantoj de la Internacia Lingvo. Esperanto estas posedaĵo de la tuta homaro, kaj ni estas nur servantoj, ne regantoj, de tiu ideo.
Konklude, al la demando ĉu por- aŭ per-Esperanta laboro, ni devas respondi kaj, kaj!: kaj por-Esperanta kaj per-Esperanta laboro!. Kaj Movadana kaj ekster-Movadana funkciado!. Kaj gajnante monon per Esperanto kaj perdante monon pro ĝi!. Antaŭeniru Esperanto ĉiam, ĉie kaj ĉiel!.

Faustino Castaño Vallina

# NIA MIRIGA MONDO

Nia mondo dekadencas kaj maljuniĝas, subaĉetado kaj koruptado ĉie okazas, infanoj ne plu obeas siajn gepatrojn. Estas klare ke la fino de la mondo proksimiĝas.
La supra senkuraĝiga rimarko estas tradukita de Asiria argiltabulo, datumita...2800 jarojn antaŭ Kristo.

-.-.-.-.-.-

La nuna prognozo estas: ke la monda loĝantaro, ĉirkaŭ 6 miliardoj, ĝis en la jaro 2100 stabiliĝos la nombro per 10 miliardoj.
En Ĉinio hodiaŭ loĝas unu miliardo da homoj, kiuj havas pli malpli ol 200 familionomojn. 800 milionoj da homoj laboras kiel terkulturistoj aŭ bestbredistoj. Malgraŭ la unu-infan-politiko, ĉiujare naskiĝas 16 milionoj da infanoj.
Ruslando havas 280 milionoj da loĝantoj. Nur en Moskvo vivas 11 milionoj el tiuj. Ĉiutage en tiu urbo venas kaj iras unu miliono da vojaĝantoj, kiuj reprezentas 100 gentojn. Entute Ruslando havas 140 popolojn.
Hindujo havas loĝantaron de 700 milionoj, dum nia mondo havas la saman kvanton da nesufiĉe nutritaj homoj.
La Nederlanda loĝantaro sumas 14.8 milionojn el kiuj, inter multaj alilandanoj, estas 80.000 ĉinoj. En Nederlando ekzistas 500.000 entreprenoj, 400.000 estas familientreprenoj, kie laboras la duonon da profesiista popolo. Ĉe la juĝistaro laboras 66.000 personoj.
En Kairo, urbo koonstruita por 4 milionoj, loĝas nun 1,4 milionoj da homoj, 100.000 el ili vivas inter tombomonumentoj.
En Sao Paŭlo 12,5 milionoj da homoj havas loĝejon sur areo ne pli granda ol Utreĥto, kiu okupas 3 dekonojn de la totala areo. 4 milionoj da aŭtomobiloj tie veturas. Ĝi estas unu el la plej malpuriĝintaj urboj de la mondo. 6 milionoj da geinfanoj vivas sur la strato. El la 140 milionoj da homoj en Brazilo, 3 milionoj "loĝas" en domaĉkvartalo. Ĉiusemajne 5000 homoj venas enurben de la kampoj. Troviĝas 14 universitatoj en la urbo, dum unu miliono da homoj estas analfabetoj. La enspezoj varias de nur 50 ĝis 100.000 dolaroj en monato. Entrepreno de Fiplips gajnas 30 miliardojn da dolaroj en unu jaro. Laboras tie 30 nederlandanoj kaj 19000 brazilanoj.
Bangladeŝ ricevas po 1,2 miliardojn da dolaroj jare de la helpdonaj landoj. Ĝis la jaro 2020 la popolo estos duobligata. Jam 40% de la homoj estas pli junaj ol 10 jaroj, kaj tiu nombro estas grandiĝanta. Pro altiĝo de la temperaturo Bangladeŝ laŭsupoze povos subakviĝi ĝis 3 metroj. Tio signifus 110 milionoj da boatrifuĝantoj! De la usonanoj 50% havas laboron, kiu antaŭ 10 jaroj ne ekzistis, kaj en Jugoslavio vivas virino 115-jara (13-a - Februaro- 1988). Ŝi ankoraŭ ĉiutage kunlaboras sur la kampo kaj memoras ke, antaŭ 70 jaroj, forlasis ŝin la edzo pro pli juna virino...

Ne necesas espero por starti
nek sukceso por daŭrigi

Elisabeth Vuurmans

# LIA GOLA MOŜTO

Ĉu estas iu civitano de Eŭropo, kiu ne suferis iam la febron de la futbalo?. Sendube malmultaj liberiĝis de tiu malsano. Sed, ĉu ĝi estas malsano aŭ tre sen pripense mi skribis tion?. Se ni serioze analizas tiun entuziasmon pri la futbalo, ni devas akcepti, ke iuj fanatikuloj de tiu sporto ja aspektas "kiel malsanuloj", kaj tre ofte malsanuloj danĝeraj. Tion ja evidentigas la multaj okazintaĵoj travivitaj de la homa amaso ĉeestanta tiun spektaklon. Kaj mi ne inventas tiun vorton, spektaklon. Tiuj babilemuloj, kiuj tiom fervore eksplikas al ni la diversajn cirkonstancojn de la piedpilka ludo jam aplikas tiun difinon al tiu populara sporto.
Sed ni metu flanken tiun analizadon pri la influo de la futbalo, pri kiu jam oni aplikas diversajn konceptojn kaj ni okupiĝu pri la vera rolanto de la piedpilka ludo: Lia Gola Moŝto. La golo estas la reĝo kaj sinjoro de la futbalo. La plej inteligentaj kapoj kliniĝas antaŭ tiu realigo, puŝi la pilkon en la reton. Se vi opinias, ke la futbalistoj estas la veraj herooj de ĉiu piedpilka matĉo, vi tute eraras. Kiam okazas tiuj entuziasmaj krioj?, nu, ĉiuj bone scias, ke kiam la pilko kontaktas la reton je la interna parto. El stadiono leviĝas bruo unuanima (fare de la sekvantaro, kiu defendas la teamon, kiu enmetis la pilkon en la golejon). Antaŭe tio ne okazis, eĉ se la futbalistoj faris la plej malfacilajn transsendojn de la pilko de unu futbalisto al la alia. Sed, karaj amikoj, kiam la pilko atingas sian celon estas kiam la feliĉo invadas la koron de tiuj senkondiĉaj subtenantoj. Estas aplaŭdoj, laŭdoj, gratuloj, bonkoraj deziroj, salutoj, ĉirkaŭbrakoj; oni dancas, kantas, la sekvantaro sin sentas en la ĉielo. Nenio en la mondo estas komparebla kun tiu entuziasmo. El la stadionaj sidlokoj alvenas la kanzono: ni volas alian golon, ni volas alian golon, ripetata laŭtvoĉe, entuziasme kaj ĥore. Ĝi estas la plej multnombra ĥoro en la mondo.
Sed ne finiĝas tie la festo. En la tribuno, kie troviĝas la gvidantaro, oni povas vidi la dentaron de ĉiu ĉeestanto. Ili ne krias, ili devas aperi seriozaj, ili devas esti "super kiu ajn okazintaĵo", sed ili ridetas, ĉiuj montras siajn dentojn. Ili interparolas senbrue, normale. Ili sendube pensas: jen niaj klopodoj realigitaj, jen niaj promesoj. "Soldatoj" de la futbalo, kriu, estu feliĉaj, ni ja estas gvidantoj, kiuj plenumas niajn promesojn. Vi mem rigardu, konstatu tiun golon, tiun majestan golon. Kiom bela estas la pilko en la reto de la kontraŭa teamo. Ha vel, pensas la gvidantaro, ni povas resti trankvilaj. Niaj postenoj ne estas en danĝero.
Kiam la golo estas fakto, la bruanta sekvantaro sin adresas al la sinjoro prezidanto de la teamo kaj dankas lin pro lia kompetenteco elekti la plej bonajn piedpilkajn ludistojn. Evidente ankaŭ oni alkrias la feliĉan ludiston, kiu puŝis la pilkon en tiun revatan lokon. Estas dankemoj kaj aplaŭdoj por ĉiuj membroj de la teamo. Oni diras: "kiom inteligenta estas tiu trejnisto". Kaj la trejnisto restas serioza sidanta en sia speciala loko. Ĉiuj pensas: "se venus aliaj kaj aliaj goloj, se ni povus ripeti tiun golon centfoje dum ĉi tiu jaro..."
La spektantoj pensas: "ne gravas kiom da mono ni devis pagi por veni ĉi tien, eĉ mi pagus trioble por vidi la golojn de nia teamo. Mi ŝparos kaj ŝparos monon por ĉeesti ĉi tiujn glorajn momentojn. Ho, vel, se mi povus iri plej proksime je la ludtereno, eble, sendube, -li diras al si mem-, mi vidus la golon, la golojn, -li sin korektas-, multe pli bone".
La sinjoro prezidanto kaj konsilantaro pensas, "se *ni enmetus* multajn golojn eble la venontan jaron ni povus plialtigi la kotizojn, kiujn fakte pagus kontente la membraro".
Unu golo reprezentas multe da mono, tridek-tri goloj reprezentas multege, multege da mono. La sinjoro Prezidanto kaj la konsilanto pri financoj jam antaŭvidas la eblan pagon de la ŝuldoj. Kompreneble la feliĉa ludisto, kiu adresis la pilkon al tiu malpermesata loko, jam pensas: "ho vel, se mi havus la ŝancon ankoraŭ dum ĉi tiu jaro sukcesi kelkfoje, mi jam kuraĝus peti plialtigon de mia salajro, kaj mi povus eĉ interesigi aliajn pli riĉajn teamojn, kaj mi povus eltiri tre kontentigan interkonsenton". Estas evidente, ke la resto de la kolegoj pensas same; ĉiuj deziras eltiri profiton el tiuj goloj, kiuj atingas la *malamikan* golejon. Sed la demando estas, kial ne ricevas la saman laŭdon kaj rekompencon ĉiuj ludistoj de la teamo kaj unike estas la avangardisto, kiuj eltiras plej grandan profiton?. Ĉu ne kontribuis ĉiuj same por ke la pilko iru al sia destino?.
Se vi pensas ke ĉio finiĝis kiam la arbitraciisto diras: "ĉi tio estas la fino", vi tute eraras. La sekvantan tagon kaj dum multaj aliaj tagoj daŭre oni parolas pri la golo. Kaj malgraŭ tio, ke oni ĉeestis la spektaklon, multaj el tiuj spektintoj aĉetas la ĵurnalon por *vidi*, kion detale recenzas la ĵurnalistoj; ĵurnalisto, kiu en iuj okazoj eĉ ne troviĝis persone en la stadiono.
La sinjoro Prezidanto ricevas la gratulojn de amikoj kaj precipe de la familianoj. Oni anoncas, ke la sinjoro Prezidanto estas la mastro de tiu aŭ alia entrepreno. La futballudistoj, aŭtoroj de la golo, estas salutataj surstrate kaj la junaj virinoj rigardas ilin, kiel la modernajn Diojn de iu supera forto. La ĵurnalistoj bone kontribuas tiucele por plej granda disvendado de la gazeto. Ĉio estas feliĉo. Ne plu estas problemoj en la mondo.

Luis Serrano Pérez
Sabadell, la 26-a de marto - 1989

# AMIKOJ DE ORIENTA ATLANTIKO

Kiel sciate, nia ASTURA ESPERANTO ASOCIO antaŭ kelkaj monatoj lanĉis la ideon krei organizaĵon por la kunagado de la E-grupoj de la Orient-Atlantika zono. De tiam ni ricevis respondon de kelkaj el la koncernataj grupoj; plejparte el ili aprobas nian projekton.
Lasttempe ni ricevis folion publikigita de TUTMONDA AMIKARO en kiu, temante pri tiu afero, estas kelkaj konsiloj al ni por la realigo de tiu ideo. Inter alie, ili konsilas al ni fiksi la limojn kaj la amplekson de la zono de nia organizaĵo (al kiu ili nomas SOKA anstataŭ ADLOA kiel ni pensis), kaj proponas kiel limo la linion: Tanger-Sevilla-Madrid-Toulouse-Bordeaux, kiel aperas en la mapo kiun ili sendis al ni (kaj kiun prezentas sube) kune kun aliaj similaj organizoj en nia kontinento.
Pri la naturo de tiu organizo ili sugestas: Ne necesas krei asocion tuj, kun statusoj kaj kotizoj. Nur kiam la grupoj unu post alia alprenu tiun ideon, ili aldonu post la titolo de ĉiu gazeto: (membro de Sud-Orienta Atlantiko).
Ni dankas al TUTMONDA AMIKARO pro la disvastigo de nia iniciato pere de siaj publikigitaj folioj.

**EUROPAJ REGIONOJ**
**EN TUTMONDA AMIKARO**




11 REGIONOJ

| | | | |
|---|---|---|---|
| *SOKA* | *Sud Okcidenta Atlantiko* | *NE* | *Norda Eùropo* |
| *OKA* | *Okcidenta Atlantiko* | *NORE* | *Nord Orienta Eùropo* |
| *NOKM* | *Nord Okcidenta Mediteraneo* | *ORE* | *Orienta Eùropo* |
| *OKE* | *Okcidenta Eùropo* | *AE* | *Adriatika Eùropo* |
| *NOKE* | *Nord Okcidenta Eùropo* | *SE* | *Suda Eùropo* |
| *CE* | *Centra Eùropo* | | |

# A N O N C O J

POR MEDIPROTEKTADO KAJ SANA VIVMANIERO

Samarkanda Klubo de Interpopola Amikeco "Esperanto" kunlabore kun la urba societo por sobreco ĉiujare organizas la internacian ekspozicion pri la agado por la mediprotektado, sana vivmaniero, kontraŭ alkoholismo, drinkado, tabakfumado kaj droguzado en diversaj landoj. Tiucele ni kolektas ĉiulingvajn tiutemajn afiŝojn, fotojn, desegnaĵojn, insignojn, gluetikedojn, poŝtkartojn, revuojn, librojn kaj ĉiujn celerajn propagandilojn de la mediprotektado kaj sana vivmaniero. Ni korespondas tiuteme en Esperanto, la angla, rusa, uzbeka kaj laŭbezone ankaŭ en aliaj lingvoj.
Bonvolu sendi ĉion (laŭeble baldaŭ) al:

International Friendship Club "Esperanto"
P. O. Box 76
703000 Samarkand
Uzbekistan USSR

Al ĉiu helpanto ni volonte sendos laŭdezirajn memoraĵojn. Ciam validas. Represo kaj nacilingvaj tradukoj dezirataj.
Ni tre ĝojus, se vi eble povus informi pri nia ekspozicio la koncernajn medi- kaj san-protektajn organizojn en via lando.
Sinceran dankon pro via helpo!.

-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

Monata ilustrita revuo SOVETA UZBEKISTANO, prezentas vastan eblon reklami en USSR kaj en ĉiuj kontinentoj:

produktojn, licencojn kaj teknologiojn (know how) de firmaoj, entreprenoj, kaj kompanioj.

La magazino SOVETA UZBEKISTANO, eldonata en 12 lingvaj variantoj de la Uzbekia Asocio de amikeco kaj kulturaj ligoj kun aliaj landoj estas:

dekmiloj kaj dekmiloj da abonantoj en USSR kaj en pli ol cent landoj de Azio, Afriko, Eŭropo kaj Ameriko, ankaŭ en Aŭstralio.

siaspeca unuka kolekto de koloraj fotoj en la serio "Oriento estas Oriento".

energia rakonto pri la hodiaŭo kaj historio de la uzbeka popolo, loĝanta ĉe liaj vojkrucoj de la "Granda Silka vojo" kiuj estis Samarkando, Bahará kaj Taŝkento, pri la naciaj riĉaj tradicioj kaj specifa kulturo, radikante el la profundo de la jarcentoj.

La magazino aperas aparte en la uzbeka, rusa, araba, hispana, angla, persa, germana, daria, franca, hindia kaj urdua lingvoj. En ĉiuj eldonoj ĉeestas sanŝanĝa ESPERANTO-paĝo kun vica leciono kaj tekstoj en ESPERANTO.

Per ĉio ĝi la magazino akcelos la rezultojn de viaj serĉadoj de fidindaj partneroj en organizado de komunaj entreprenoj kaj produktajoj. La paĝoj de la magazino estas je via dispono kaj ĝi pretas publikigi viajn komercajn informojn kaj reklamojn.

Pripagado estas en la valuto de via lando.

La ofertojn (en ajna lingvo de la revuo) direktu al:

SOVETA UZBEKISTANO, LENIN-Str. 41, SU-700000 TAŜKENTO
U.S.S.R.   tel. 33 02 15 kaj 33 11 67

-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-.-

Grupo de kvin gelernantoj-amikoj, kiuj lernas Esperanton kaj tre ŝatas la Internacian Lingvon, ege deziras korespondi kun fremdaj gelernantoj ĝenerale kaj hispanaj konkrete. Car ili lernas Esperanton de antaŭ du jaroj, ili preferas korespondi kun amikoj de la sama nivelo. Iliaj nomoj (kun indiko de la koncerna aĝo) kaj adresoj estas:

Borislav Angelov (14-jara)
str. "Bugarievo" 13
bl. 1033 et. 5 ap. 73
PLOVDIV.  BULGARIO

Bojana Ŝkolova (14-jara)
str. "Dimitar Kalavramov" 54
et 16 ap. 80
PLOVDIV.  BULGARIO

Desislava Angelova (16-jara)
str. Bugarievo" 13
bl 1033 et. 5 ap. 73
PLOVDIV.  BULGARIO

Ivajlo Piĉev (14-jara)
str. "Georgi Kirkov" 44
et. 6 ap. 15
PLOVDIV.  BULGARIO

Stojan Stojanov (14-jara)
str. "K. Barutĉiev" 3
ap 21 et. 7
PLOVDIV.  BULGARIO

-.-.-.-.-.-.-.-.-

Franca flegistino deziras korespondi kun samfakaj hispaninoj.  Interesitaj adresiĝu al:

Veronique Pichat
Rue les Madrigaux
Bat. M. appt. 50
Chemin Lafitte
33400 TALANCE.  FRANCE

-.-.-.-.-.-.-.-

Pola junuliono 22-jaraĝa deziras korespondi kun hispanaj viroj.  Ŝia adreso estas:

Anna Kroc
KAWENCZYN-4
96-120 GODZIANOW
Woj. Skierniewice
POLLANDO